# PETO al la verkantoj de artikoloj por IF

Ni multe ĝojas, se legantoj aŭ estraranoj sendas al ni artikolojn ĉu devigajn (ekz. protokoloj, alvokoj ktp) ĉu volontulajn (raportoj, travivaĵoj kaj io ajn). Sed dum la verkado konsideru la sekvajn:

Nia revuo havas la formaton A5 (A-KVIN) kaj NE la ĝenerale kutiman formaton A4). La plej multaj verkantoj uzas tiun lastan. Sed! Se ni ricevas artikolon ne en formato A5, tiam ni devas ĝin transigi je preskaŭ duona grandeco. Ĝi okupas pli grandan lokon ol pensis la verkinto. Ĝenerale ni ricevas la materialon en sistemo Word kaj en formato A4. Ni petas, ke vi uzu la formaton A5. Tiel vi povos eĉ mem kontroli kiel longa (aŭ mallonga) estos via artikolo.

Kelkaj el vi sendas la materialon en fajlo PDF. Ankaŭ tiu maniero estas uzebla (multaj uzas pro sekurecaj kaŭzoj, kiel eĉ ni tiel sendas al vi la IF fajlojn). Tiujn fajlojn oni povas facile transigi al la kutima sistemoWord (kio estas la bazo de nia kompostado). Escepto estas la tabeloj.

La normalan tekston ni povas duonigi: unu A4 paĝon je du A5 paĝoj. SED la tabelojn ni NE povas duonigi! Nek en Word nek en PDF.

Pro tio ni treege petas vin: se vi povas, ne uzu tabelon anstataŭ listo por aperigi nomojn, datojn, sumojn, ktp. Se vi devas uzi tabelon (ekz. financado), tiam vi NEPRE uzu la formaton A5!!! Estus pli bone, se vi verkus la kompletan materialon en formato A5.

Se vi ilustras vian artikolon per bildoj, bonvolu ĈIAM sendi la bidojn en apartaj fajloj. Vi povas signi la lokon de la bildo per malplena teritorio aŭ aperigi la bildon ankaŭ en la teksto. Se la bildo havas subtekston, skribu ĝin sub la blanka loko aŭ sub la bildo. En la bildsubskribo – por eviti miskomprenojn – nepre skribu parenteze la nomon de la bildfajlo. La bildfajlnomo ne aperos en la preta artikolo.

Anticipe ni multe dankas vian komprenemon kaj atentemon en la estonta kunlaboro.

Dezirante al vi bonan verkadon

**La Redaktora Skipo**

## Frontpaĝo:

La hotelo Calabresi en la urbo San Benedetto, kie okazis la aŭtuna estrarkunsido de IFEF

## Enhavo:

# ESTRARKUNSIDO DE IFEF EN ITALIO

La aŭtuna estrarkunsido de IFEF okazis en Italio inter la 28-a kaj 30-a de septembro 2011, en la apudmara urbo San Benedetto del Tronto.

San Benedetto estas belega urbo apud la Adriatika Maro kun pli ol 48000 enloĝantoj, pli ol cent hoteloj kaj ripozejoj. En la urbo troveblas multegaj kaj diverspecaj palmoj, multaj diktrunkaj olivarboj, bele flegitaj parkoj, novaj kaj malnovaj urbopartoj, longa kaj eleganta marborda banloko, larĝa marborda avenuo kun vicoj de palmoj, intimaj kaj zigzagaj stratetoj en la malnova urboparto, tri muzeoj, kelkaj belegaj preĝejoj k.a.

La estraranoj loĝis en la hotelo Calabresi, kiu estas komforta kvarstela hotelo. La hotelo havas restoracion, kafejon, eĉ plurajn ejojn por kongresi kaj kunsidi. Tiu hotelo estas taŭga por organizi ĉi tie IFEF-kongreson por 150-200 personoj. La trafikaj eblecoj, ĉefe la fervojaj interrilatoj estas idealaj, ĉar multaj rektaj IC-trajnoj ekzistas el Bologna kaj Venezio.



*Belega fontano antaŭ la hotelo Calabresi*

Dum la estrarkunsido krom la estraranoj partoprenis D-ro Romano Bolognesi, la antaŭa prezidanto de IFEF, kiu saĝe kaj efike helpis la laboron de la estraranoj.

En la kadro de la estrarkunsido ni ekzamenis la situacion de la preparlaboro de la 64-a IFEF-kongreso. La estraranoj malĝoje akceptis la sciigon pri la grava malsano de la prezidanto de LKK, kaj deziris al li rapidan resaniĝon. Laŭ la sciigo de LKK la preparlaboro daŭras senprobleme.

La estraro traktis la organizajn aferojn, kaj pri la enhavo de la cirkulero kaj demandilo, kaj alvokis la atenton pri la nova laborplano de IFEF, laŭ kiu devus prepari la demandilon, kaj doni respondojn flanke de la landaj asocioj. La estraro ekzamenis la evoluon de la terminara kaj faka agado, konfirmis la venontajn IFEF-kongresojn en Germanio kaj poste en Francio, kaj traktis pri la eventualaj landoj de la sekvontaj kongresoj.

En la kadro de la financaj aferoj la kasisto informis la ĝeneralan situacion, kaj la estraro konstatis, ke la financa stabileco estas trankviliga, pro tio ne necesas altigi la membrokotizon de IFEF.

En la kadro de la redakciaj aferoj okazis iomete longa traktado. La estraro finfine

decidis, ke la paperan revuon ni presigu 300 ekzemplerojn, kaj aperu jare ses numeroj de IF, la internaj folioj estu normalaj paperoj. La estraro konstatis, ke la enhavo kaj la aspekto de la revuo estas konvena.



*La estraro de IFEF kunsidas*

La trijaran laborplanon – kiun konfirmis la komitato de IFEF en la 63-a IFK – enhavas konkretajn taskojn por nia Federacio, por la landaj asocioj de IFEF, kaj por la komisionoj kaj komisiitoj. La estraro proponas labori laŭ tiu laborplano.

La estraro ekzamenis la situacion en kelkaj landoj, kaj decidis, ke tiun temon ni traktu dum la printempa estrarkunsido post la taksado de la jarraportoj de la landaj asocioj pri la jaro 2011.

La rilato kun UEA ne estas tro kontentiga, ĉar kelkaj devigitecojn inter du UEA-kongresoj ni ne plenigis, kaj dum la kongresoj ni ne estis aktivaj. La komitatano „A" de IFEF ĉe UEA promesis plibonigi la laboron. La fervojista kontaktkunveno kaj la faka ekskurso en Kopenhago bone sukcesis. La 97-a UK okazos en Vjetnamio, kion la komitatano „A" partoprenos.

La rilato kun FISAIC ne pliboniĝis, eĉ kelkaj landaj FISAIC-organizoj volas nuligi la Esperanton. La prezidanto de IFEF partoprenos en la kunsido de la Teknika Komisiono de FISAIC, kie ŝi protestos pro tiu negativa opinio.




*Lumturo en San Benedetto*

La rilato kun SAT progresas – dank' al nia prezidanto – kaj la estraro esperas, ke la komuna agado kunportos rezultojn.

Fine la estraro decidis pri la loko kaj la dato de la printempa estrarkunsido, kiu okazos en la franca urbo Angers kadre de la Franca Fervojista Esperanto-Kongreso.

Post la laciga traktado la estraranoj rigardis la amuzcentron de San

Benedetto. En la granda konstruaĵo troveblas multaj grandaj kino-salonoj kaj aliaj konferencejoj en tri niveloj de la domo. Ni konstatis, ke tiu konstruaĵo estas ege taŭga por kongresi.

Poste la hotelestro organizis por ni duontagan ekskurson al la montetoj de la orienta parto de la montaro Apeninoj per aŭtomobilo de la hotelo. Dumvoje ni vidis multajn kelkcentmetrojn altajn montetojn, sur ili malgrandajn urbetojn, belegajn valojn kun riveretoj. Bone konstruitaj vojoj serpentas al la montopintoj, kaj en la malproksimo brilas la plurmilmetraj neĝkovritaj montopintoj de la Apeninoj. Belega vidindaĵo! Unue ni vizitis la urbeton Acquaviva Picena, kiu situas 365 metrojn alte super la marnivelo. Ĝi havas preskaŭ kvarmil enloĝantojn. En la urbeto troveblas malnova kaj impona fortikaĵo kun malnovaj ŝtondomoj kaj malgranda preĝejo. La panoramo de sur la monto estas neforgesebla, multaj montopintoj videblas, kaj sur ĉiuj estas urbetoj, fortikaĵoj, kasteloj.



*Dum la ekskurso*

Poste ni veturis al la alia monteto, sur kiu estas la urbeto Ripatransone. Tiu urbeto situas 500 metrojn alte super la marnivelo, kaj ĝi havas 4500 enloĝantojn. En tiu ĉi urbeto troveblas kelkaj preĝejoj, belega katedralo, multaj malnovaj palacoj, kelkaj muzeoj, kiel la arkeologia, religia, civitana, etnografia k.a. Ni multe promenadis en la urbeto sur la zigzagaj kaj mallarĝaj stratetoj kaj placoj, kaj ni ĝuis la mezepokan etoson. Fine reveturante al San Benedetto ni haltis en la apudmara urbeto Grottammare, kie ni grimpis al la montopinto, kie staras antikva kastelo, kaj ni vizitis kelkajn preĝejojn, kaj aliajn malnovajn domojn.

En la lasta tago antaŭ nia forveturo al Bologna ni renkontiĝis kun la hotelestro, kaj ni traktis pri la eblecoj por organizi IFEF-kongreson ĉi tie en iu pli posta jaro.

Dumvoje al Bologna ni haltis en la fama pilgrimejo Loreto. En la urbo troveblas Baziliko, kiu inter la jaroj 1469 kaj 1587 konstruiĝis, kaj en ĝi estas la „Sankta Domo”. Tiu domo estis la loĝdomo de la Sankta Familio en Nazaret (Izraelo), kaj en la jaro 1294 la familio Angeli transportis ĝin per ŝipo ĉi tien al Italio post la forpelo de la kruckavaliroj el Palestino. La arkeologoj konstatis, ke la ŝtonoj de la Sankta Domo estas originalaj pro la prilaboro de la ŝtonoj, kaj pro la gravuraĵoj sur la ŝtonoj, eĉ pro la arkitekto-teknika komparado kun la nazareta groto, al kio originale alligiĝis la Sankta Domo. Mem la Sankta Domo estas ĉe la altaro kaj super la kupolo de la Baziliko en riĉe ornamita marmora kovraĵo. Sur la altaro staras la mondfama skulptaĵo de Sankta Virgulino kun Jesuo el libanona cedro. En la Baziliko estas


La baziliko de Loreto

multaj kapeloj, kiel la svisa, hispana, pola, germana, usona, slava, franca k.a. Antaŭ la Baziliko estas la placo Madono, kie troveblas la „Apostola Palaco”, la „Iliria Palaco”, la kampanilo, la fontano kaj la statuo de la papo Sixto la Kvina. Multaj mondfamaj artistoj vizitis la pilgrimejon dum la jarcentoj, kiuj per freskoj, bildoj, skulptaĵoj kaj per aliaj artaj kreitaĵoj plibeligis la pilgrimejon. Milionoj de pilgrimantoj vizitas jaro post jaro tiun belegan lokon.

Post la vizito en Loreto la estraranoj veturis al Bologna, kaj de tie ĉiuj estraranoj hejmenveturis.

En la nomo de la estraranoj mi dankas al Vito Tornillo kaj al D-ro Romano Bolognesi tiujn belegajn tagojn en Italio.

**István Gulyás**



# FAKAJ INFORMOJ

*Temo de la ĉefa fakprelego en la 64-a IFEF-kongreso en Herzberg:*

**La baltmara tunelo – nova interligo al Skandinavio.**

En la jaro 2020 estos preta la 17,6 km-ojn longa ŝose- kaj fervojtunela interligo inter la germana insulo Fehman kaj la dana insulo Lolland. La 5,3 miliarda (en eŭro) projekto estos financata de la dana ŝtato, kaj ĝi mallongigos la veturdaŭron je preskaŭ unu horo. Ampleksaj ŝose- kaj fervojinvestoj, precipe en la dana flanko, estos necesaj. Kelkaj nomas ĝin la plej granda eŭropa projekto de la jardeko.

*Prelegetoj por la 64-a IFEF-kongreso en Herzberg:*

Krom la ĉefa fakprelego ja ĉiam estas nombro de fakprelegetoj (fervojaj novaĵoj), kiuj prezentiĝas dum la kongreso. Ni petas vin jam nun pripensi pri temo, pri kiu vi ŝatus informi al viaj kolegoj. Turnu vin al la sekretario de la Fake Aplika Sekcio de la Faka Komisiono de IFEF, Ladislav Kovář pri tio: <kovar.lad@email.cz>

**Faka Komisiono**

# Pripensenda Jarkunveno – iom „surpriziga“!

**Rumanio**, la hejmlando de nia agema IFEF - prezidantino, d-rino Rodica TODOR, per si mem estas surpriziga, pro ĝiaj bunteco kaj elstara diverseco. Oni renkontas abundan naturan riĉecon – eĉ subteran, grotojn, ktp. Abundas ankaŭ historiaj, diversstilaj konstruaĵoj – monaĥejoj, kiuj influas la pejzaĝojn! Ne eblas citi ĉiujn personajn impresojn. Kaj mi ne forgesu mencii la afablecon de la loĝantaro! Ĝi ne meritas la kursantan negativan „reputacion“!

Tamen eĉ pluraj gesamideanoj jam konfesis, ke Rumanio – ne malgranda lando – estas por ili kvazaŭ malkonata. Venontjare, ree de la okcidento „Oradea“ ĝis la oriento „Danuba Delto“ kaj meze, okaze de la jam tradicia „VISE“ en la vidindaj Karpatoj, en „Busteni“, dum „Semajno de la Internacia Amikeco“, allogas regulaj E-aranĝoj tutlanden, anoncitaj en la laborplano de REFA!

Sed rilate la jarkunvenon mi nepre ne preterlasu la plej ĝojigan surprizon, kiu tuŝas la rumanan landan asocion de IFEF.

**Craiova** estas la urbo, en kiu okazis la lasta jarkunveno de REFA, 14. – 16. oktobro, 2011.

Partoprenis 30 rumanaj ges-anoj kaj mi kiel eksterlanda gasto. Malfermis la kunvenon la ankoraŭ nova prezidantino de la l. a., Rodica ĜIUHAT! Konata en IFEF, pro ŝiaj oftaj teknikaj fakprelegoj.

Mi estas certa, ke ŝi evoluiĝos konforme ankaŭ en tiu ĉi posteno!

En la bonveniga salutado ŝi menciis nomon kun surprizigaj titoloj, prezidanto sindikata kaj de FISAIC! Kaj jen oni notu ties nomon: Florin DOBRESCU! Funkciulo, kiu vere sindoneme okupiĝas pri la diversaj kulturaj asocioj, apartenantaj al FISAIC! Komence mi miris, ke la landa asocio realigis la jarkunvenon en relative luksa hotelo, kun konformaj servoj, konvenaj konferencejoj ktp. Por mi aspektis la videblaj prezoj normalaj, sed konsiderante la rumanajn salajrojn, mi tamen iom miris. Fine malkovriĝis la enigmo. Nome, ke subtene kontraktis kun la hotelo, la FISAIC-prezidanto, s-ro Florin DOBRESCU! Dank`al lia helpo kaj interveno la kostoj mirinde moderiĝis! Sed li ne venis nur por prezenti sin kun lia simpatia edzino. Ili restis eĉ ĝis la fino kaj tiele ankaŭ morale pruvis la necesan solidarecon! Liaj konsiloj, proponoj, estis vere bonvenaj. Ekz. dum la diskuto pri la sekvonta jarkunveno li proponis lokon, kie li havas simile efikan influon! Kompreneble oni volonte akceptis ankaŭ tiun subtenan proponon. En lia ĉeesto oni jam fiksis la datojn, konsiderante ankaŭ la ceterajn, jam konatajn E-aranĝojn. Estos konvene atingebla – ankaŭ por la okcidentaj volontuloj.

*Jam nun oni notu: ORADEA - B. FELIX („fama termalbanejo“ apud okcidenta landlimo de Rumanio), de 14-a ĝis la 16-a de septembro 2012!!*

Jen maloftaĵo en nia E-movado! Sed ĝojigaj esceptoj do tamen ekzistas!

La legantoj ne miru, ke mi nun transiras la limojn kaj citas ĉi-konekse alian landan asocion de IFEF, kiu eminente ĝuas la subtenon flanke de FISAIC! Jes, Ĉeĥio! Kaj jen oni devus duoble sukstreki la nomon „d-rino Anna ABELOVSKA“, kiu eĉ kiel pensiulino plensukcese subtenadas la landan asocion! Respekton kaj dankegon ankaŭ al ŝi! Nun ŝi troviĝas en vere inda societo kaj certe ŝi konas la rumanan kolegon, s-ron Florin DOBRESCU!

Prestiĝajn aranĝojn ni dankas ankaŭ al nia hungara landa asocio de IFEF, gvidata de – sendube – la plej sperta funkciulo en nia federacio, inĝ. Istvan GULYÁS!

Eminente laŭdindan mencion meritas la ŝtato HUNGARIO, kie ek de la aliĝo al EU, eĉ ĉiuj EU-civitanoj, pli ol 65-jaraj, rajtas veturi i.a. per enlandaj trajnoj senpage! Sendube oni krome konsideras aliajn aspektojn – ekologiajn, surstratajn ktp. Gratulon kaj dankegon! Kiel najbaro mi ankaŭ estonte volonte feriados (kuracados) kaj ekskursados en Hungario! (Seninterrompe jam pli ol 30 jarojn!)

Despli hontu Aŭstrio! Ĝuste nun eĉ la „ÖBB-servistaro“ estas konfrontita kun negativaj eventoj nialandaj! Reganta atakemo kaj mankanta solidareco kvazaŭ „nuligas“ niajn originajn rajtojn! Atendata batalo flanke de nia sindikato estis „sufokita“ de la politiko! La financministerio prefere boras en la laboristara medio, por trovi ion impostigeblan! Post longtempa interna traktado eksplodiĝis „kaoso“, koncerne niajn ÖBB-legitimilojn – nur por havigi la respektivan imposton de la unuopaj uzantoj! Ĉio ŝajnas iel enigma – komplika procedo, anstataŭ simpla solvo. La reto de ÖBB estas provizita per elektronikaj biletinstalaĵoj, kiuj problemas ĉefe al la olda generacio, kiu ne kutimiĝis al la nova tekniko. Eĉ tiun generacion oni ne konsideris! Amasoj jam redonis la legitimilojn kaj samtempe eksiĝis de nia sindikato! Finance perdas ÖBB, kiu ja ricevadas certan sumon de ĉiu rajtigito kaj la – iam fiera – sindikato iĝas pli kaj pli malforta! Longjara prezidanto demisiis! Kion tio signifas, mi ne ekspliku.

Aldone malprofitas la resto de nia – iam same fiera l.a. de IFEF , kiu nun „vivetas“ vole-nevole sub la administrado de FISAIC! Ĝenerale atendita, racia, kulturpolitika subteno, daŭre restas fremda nocio! Kial do?

Ja regas kapitalismaj dogmoj! Solidareco pli kaj pli malaperas!

Mi povis samokaze ekscii, ke laŭvice okazos la sekvonta FISAIC-konferenco en Aŭstrio. La komisiito elektis proksime al Vieno, en fame konata kuracbaneja urbo Baden, evidente la plej elstaran, do la plej multekostan hotelon! Starigis kvartagan programon – kostojn por unuopulo 610 €! Estas multe pli ol tutmonata salajro de pluraj niaj najbaroj! Kie restas nia iam favorigita solidareco? Kie kaj kiel vivas nun niaj superuloj?

Tiu ĉi fakto aldone amarigis mian adiaŭon de konsiderinde pli sindonemaj organizantoj en Craiova!

Sinceran dankon al ĉiuj kaj ĝis baldaŭa revido!

**Martin Stuppnig**

# Dizelhidraŭlika lokomotivo *LEGIOS GENERAL*




La lokomotivo *LEGIOS GENERAL*, konstruata en licenco de la germana firmao *Voith Legios,* en ĝia filia entrepreno en ĉeĥa *Nymburk* estas sesradaksa dizel-hidraŭlika lokomotivo. Ĝi prezentas novajn normojn por dizelhidraŭlikaj lokomotivoj, kaj kunligas ĉiujn preferaĵojn de dizelhidraŭliko, kiel fidindeco, longa daŭro de uzebleco, facila bontenado kaj alta povumo. La lokomotivo *LEGIOS GENERAL* estas koncipita precipe por internacia ekspluatado kaj povas esti ekipata de diversa kombino de koncernaj naciaj sekurigaj sistemoj: Dank´ al la granda volumeno de rezervujo, sendependo je kontaktolineo kurentprovizada kaj rapido 120 ĝis 160 km/h ĝi estas konvena kiel por ekspluatado kun pezaj vartrajnoj, tiel por tutŝtata pasaĝertrafiko. Dizelo kun meze rapida rotacio, kun 12 cilindroj, kaj altfidindaj komponentoj faras el tiu ĉi lokomotivo ĉiuflankan talenton por reltrafikado en la tuta mondo. Tiu ĉi lokomotivtipo bonege konvenas por tiuj, kiuj baze de siaj ekspluatadprogramoj bezonas altan ekveturforton, kombinitan kun altaj povumoj de eksplodmotoro. Bazaj karaktersignoj de la lokomotivo estas du lokomotivfinaj kondukistejoj, memportanta strukturo de lokomotivkesto kaj kun tio kunligita alta movopovumo je radakso.

**Konstruaj preferaĵoj**

- plenigvolumeno de rezervujo 10 000 l,
- centraligo de ĝis 4 naciaj sistemoj kaj regsistemo *ETCS,*
- fortikaj motoroj kun meze aŭ alte rapida rotacio,
- rapidumŝanĝilo *TurboSplit* kun selektiva regado de boĝioj,
- hidrodinamika bremso je povumo ĝis 2500 kW,
- erarkorekta sistemo,
- inteligenta regulado de fridigpovumo,
- konstrukciaĵo de lokomotivkesto rezistanca al kunpuŝiĝoj,
- plenumo de direktivo *TSI CR Hluk* (bruosinteno),
- plisimpligita efektiva diagnostiko kun celo de intervenoj.

**Avantaĝoj**

- alta aŭtonomio de motorveturilo,
- translima trafikado,
- efektiva trairo de trenforto,
- ŝparo de kostoj dank´ al hidrodinamika bremso,
- funkcikapablo konservita ankaŭ okaze perturbo de elektrotekniko,
- funkcikapablo sen ekstera energiprovizado,
- maksimuma alpuŝdetenilo ŝirmanta lokomotivon kaze de kolizio,
- moderna lokomotivo atentema al polucio de vivmedio.

**Maksimumaj ebloj**

La lokomotivo sendependa de kontaktolineo donas novajn trafikajn kaj transportajn ekspluateblojn, en la plej alta povumklaso al siaj ekspluatantoj. La vagonarojn ĝi povas ekveturigi per alta trenforto sen lokomotivŝanĝo sur neelektrizitaj liniosekcioj kaj trans limojn de provizadsistemoj. Tio ĉi estas avantaĝa ne nur sur mezpostulemaj malebenaj linioj, kie estas postulataj altaj veturpovumoj, sed ankaŭ en internacia trafiko, kie danke al lokomotivo *LEGIOS GENERAL* oni povas rezigni pri teknike tropostulemaj kaj multekostaj plisistemaj lokomotivoj.

**Altaj preferaĵoj? Ili estas multaj!**

La dizelhidraŭlika lokomotivo interesas la fakulojn, dank´al siaj tre bona efikeco, fidindeco kaj trafika atingebleco dum tre longa daŭro de uzeblo. Tio garantias altan ekonomiecon kaj malaltajn elspezojn por bontenado, kiujn oni povas kalkuldifini por tuta ekspluatadciklo.
Atingeblon por ricevi anstataŭajn pecojn, la firmao garantias minimume por 30 jaroj! Diversaj variantoj de rapidumŝanĝilo *TurboSplit* ebligas sendependan funkcion de boĝioj. Selektiva ŝirmo kontraŭ ruliĝglitado de radaksoj optimume uzas frotkoeficienton kaj plialtigas ĝian tirpovumon. La tuta movomekanismo havas dimension al frotkoeficiento $\mu = 0{,}42$. Tio ebligas en certaj kazoj plibonigi trakciajn kapablojn dum ekveturo.

Kelkaj teknikaj donitaĵoj:

- longo inter bufrofacoj 23 200 mm,
- maso 126 - 135 t,
- maksimuma rapido 120 km/h,
- el vidpunkto pri dinamiko de veturado aprobita por rapido 160 km/h,
- volumeno de rezervujo 10 000 l,
- povumo de dizelo 2 750 kW ĉe 1 000 rivoluoj/min,
- povumtransmisio hidrodinamika,
- minimuma traveturata kurboradiuso 80 m,
- eskpluattirforto dum ekmoviĝo ĉe $\mu = 0{,}33$ 408 kN.

Krom la konstruata tipo *LEGIOS GENERAL 30 CC* la firmao *LEGIOS* deziras konstrui kaj liveri al merkato ankaŭ modifon *GENERAL 40 CC*, kiu estas la plej forta dizelhidraŭlika lokomotivo en Eŭropo.

**Jindřich Tomíšek**

# 84-a SAT-kongreso en SARAJEVO
## 30.7. - 6.8.2011




*Dum la inaŭguro*

Unuafoje SAT kongresis en Bosnio kaj Hercegovino kaj la kvaran fojon en Balkanio. La kongreso estis bone organizita kun varia programo kaj kelkaj surprizoj. Partoprenis ĝin ĉirkaŭ 70 geesperantistoj el 15 landoj. La plej foraj partoprenantoj venis el Japanio kaj Aŭstralio. La kongreso okazis en bela natura ripozejo. Dum la solena malfermo bonvenigis la ĉeestantojn la prezidanto de la OKK Fetah Zvirac kaj ankaŭ la urbestro de la komunumo Ilidĝa s-ro Senaid Memić. Poste salutis nin Ibrahim Spahić, la prezidanto de la Internacia Pac-centro. La kongreson inaŭguris la prezidanto de la Plenumkomitato de SAT Jakvo Schram. La kongresan temon "Tutmondiĝo kaj nacia fenomeno" pritraktis François Lo Jacomo. Sekvis salutoj de diversaj asocioj kaj poste fotado antaŭ la hotelo "Terme".

Sarajevo estis fondita en la 15-a jarcento. Ĝi riĉas je multaj monumentoj kaj aliaj vizitindaj vidindaĵoj. Promeno en malnova urbo-cento Baŝĉarŝija bone respegulas etnan, religian kaj kulturan mozaikojn de bosnia socio. Nuntempe la homoj de pluraj naciecoj vivas en harmonio. En la jaro 1914 pro murdo de la arkiduko Franz Ferdinad, tronheredulo je la Aŭstro-Hungara Monarkio, ekestis la Unua Mondmilito. Alia trista evento, la lasta kruela milito okazis en la jaroj 1992-1995. Pri tiuj okazaĵoj ni estis detale informitaj.

Dum la kongresa semajno oni traktis kutimajn kongresajn temojn, okazis soci-politikaj forumoj, fakaj kaj frakciaj kunvenoj, kunsidis LEA-komitato, komunistoj. Okazis aktiva partoprenado kun viglaj diskutoj. Krom tio ni havis eblecon




*Partoprenantoj de la kongreso*




provi teknikon de kinezoterapio, aŭdi pri la sorto de bulgaraj fervojoj, diskuti pri lingva diverseco kaj utileco de lernado de fremdaj lingvoj, spekti dokumentan filmon pri Esperanto. La solena akcepto de la urbestro okazis en la hotelo mem.

Grandan intereson pri la evento montris amaskomunikiloj en la tuta lando. Aperis pluraj artikoloj en ĵurnaloj, kelkaj intervjuoj estis elsenditaj en radio kaj raportaĵoj pri la kongresaj eventoj aperis en televido. Do, miloj da homoj eksciis pri la kongreso.

Nekutime dum la SAT-kongresoj, sed riĉaj estis turismaj ofertoj, plurfoje ligitaj al militaj okazaĵoj. Ni vizitis militan tunelon elfositan dum la sieĝo de Sarajevo, spektis filmon pri tieaj okazaĵoj kaj rigardis malgrandan ekspozicion. En Srebrenica, dum la tuttaga ekskurso ni vizitis la Memorcentron en Potoĉari, kiu atestis pri kruelaj kaj abomenaj okazaĵoj de la lasta milito. Malgraŭ la renovigo oni rimarkas ĝis nun spurojn: vidiĝas multaj kuglitaj domoj. Ĉe la monumento de militaj pereintoj oni metis florbukedon. En la kulturdomo de Srebrenica okazis packunsido, dum kiu oni apelaciis por malpermeso de pafaĵetaĵoj el bomboj, kontraŭpersonaj minoj kaj por senminigado de Bosnio kaj Hercegovino. En Tuzla ni trarigardis la urbon kaj tagmanĝis en belstila restoracio. Interesa estis la ekskurso al bosniaj piramidoj, kie ni promenis tra subteraj vojoj. Dum alia tutaga ekskurso ni vizitis la belan urbon Mostar, mondfama pro sia ponto. En Blagaj Spomenka Stimec prezentis sian verkon, romanon “Hodler en Mostar”. En la kongresejo estis prezentitaj aliaj du libroj. “Eŭropa Unio - lingvaj kaj kulturaj aspektoj” redaktis kaj prezentis Senad Čolič. Nikolao Gudskov el Moskvo prezentis sian libron “Ilustrita enciklopedio de hejmaj mamuloj”.

Komence de la kongreso kulminis en Sarajevo la festivalo de la kulturo - famaj “Baŝĉarŝiaj noktoj”. Ni ĉeestis ĝian ferman festceremonion en la urbo, en kiu prezentiĝis la plej famaj artistoj. La programon partoprenis ankaŭ esperantisto kaj profesia muzikisto el niaj vicoj Lino Markovo el Francio. Li kantis esperantigitan kanzonon “Belaj estas la mostaraj vendejoj”.

La vesperaj programeroj estis variaj. Ŝatatajn “Sevdalinkoj” (populara kaj tradicia bosnia muziko) kantis por ni loka solistino de sarajeva opero Lejla Jusić. Aldoniĝis ankaŭ niaj artistoj Lino Markovo kaj Saŝa Filipović, kaj loka akordionisto. Ekestis tre plaĉa kaj agrabla etoso, kiu daŭris ĝis post noktomezo. Saŝa Filipoviĉ ludis la teatraĵon “Rememoro de unu aktoro”. Franjo Leveque el Francio organizis kaj gvidis horon, kiu kantis dum la Internacia vespero. La lasta vendreda vespero estis dediĉita al folklora spektaklo. Sur la ekstera scenejo prezentiĝis pluraj ensembloj de la kulturarta societo per kantoj kaj dancoj en belaj kostumoj. Tie ankaŭ okazis la solena fermo, fare de Jakvo. Venontjare oni kongresos en Ukrajno, en Jalto.

**Liba Gabalda**

# La SAT-Postkongreso en HERCEGOVINO

Sabate la 6-an de aŭgusto finiĝis la 84-a SAT-kongreso en Sarajevo. Nur kvin gesamideanoj aliĝis al la postkongresaj ekskursoj. La programon organizis kaj gvidis Senad Čolić. Dum kvar tagoj ni ĝuis agrablan etoson vizitante interesajn lokojn en la bela suna Hercegovino. Antaŭ la forveturo al la nova aventuro ni unue piedpromenis tra platan-bordita aleo kondukanta al la fonto de la rivero Bosna. Revene ni uzis kaleŝon. La programo komenciĝis postagmeze. Unue ni veturis al la lago Boraĉko, kie ni fiŝpiknikis ĉe la bordo de la rivero Neretva kaj poste ni vizitis la atraktivan urbon Konjic, kies ŝtona ponto el la 17-a jarcento estis detruita dum la dua mondmilito, sed denove rekonstruita en la jaro 2009.



*Tagmanĝo dum la postkongreso*

Sekvan tagon, survoje al la urbeto Poĉitelj ni vizitis militan muzeon en Jablanica. Eksponaĵoj atestas pri batalo sur la rivero Neretva. Ekstere videblas restaĵoj de la detruita fervojponto. En Poĉitelj ni instaliĝis en komforta rezidejo por tranokti kaj poste ni promenis tra ŝtonpavumitaj stratetoj de la orient-stila urbeto el otomana epoko. Ĝin dominas horloĝturo, la moskeo (Hadži-Alijina džamija) kaj la mezepoka fortikaĵo el la 14-a jarcento. De tie estas bona panoramo al la rivero Neretva kaj vasta valo. La urbeto estas deklarita de Unesko kiel Monda heredaĵo. Survoje al la urbo Stolac ni haltis ĉe la nekropolo Radimlja por vidi mezepokajn tomboŝtonojn. En Stolac ni promenis laŭlonge de la rivero Bregava kaj poste vespermanĝis. Ĉiutage ni manĝis bongustegajn frititajn trutojn breditajn surloke.




*Malnova ponto en Konjic*

Lunde nia grupeto admiris belan pejzaĝon en la natura rezervejo Hutovo Blato. Navigante tra kanalo sur boato observis netuŝitan naturon, kie nestas pluraj specoj de birdoj. Ĝi ankaŭ estas unika oazo por migrantaj birdoj, por pluraj specoj de fiŝoj kaj aliaj akvobestoj. Poste ni vojaĝis al la akvofalo Kravac, kie multaj homoj baniĝis kaj ĝuis malvarman akvon dum varmega tago. Ankaŭ niaj du kuraĝuloj refreŝiĝis. Agrabla estis la renkontiĝo kun lokaj esperantistoj, kiuj akompanis nin. Proksime de la mezepoka urbo Ljubuŝki ni vizitis la franciskanan muzeon.

Atraktiva estis ekskurso al Dubrovnik, famkonata urbo en Kroatio, situanta ĉe la Adriatika marbordo. Ĉiuj estis ravitaj pro ĝiaj pitoreskaj mallarĝaj stratetoj kaj romantikaj placetoj. Turistoj abundis. Revene ni haltis en la urbo Trebinje, kie ni renkontiĝis kun Simo Milojević, nuntempe loĝanta tie. Kun li ni pasigis agrablajn horojn manĝante en belstila restoracio ĉe la rivero Trebiŝnjica. Tiel finiĝis la postkongresa ekskursado tra suda parto de Hercegovino. Ĝi postlasis en ni belajn rememorojn. Koran dankon al nia gvidanto Senad pro la perfekta kaj plensukcesa aranĝo.

**Liba Gabalda**

# ŜAKTURNIRO EN TRAJNO

## Ĉu komenco de nova tradicio?

Ĉiu verŝajne konas ŝakon, ludon, kiu devenas el Hindujo kaj konsistas el 32 diversaspecaj figuretoj, kiujn oni movas sur tabulo prezentanta 64 egalajn kvadratojn, alterne nigrajn kaj blankajn. Oni ludis ĝin ankaŭ en transmaraj ŝipoj, eĉ en kosmoŝipo. Sed trajno verŝajne estis ununura publika amastrafikilo, kie ŝakturniro ankoraŭ ne okazis.

La sopiro, aranĝi internacian ŝakturniron en trajno, en oktobro 2011 ĉesis esti utopio.

Laŭ propono de *Pavel Matocha*, prezidanto de Praga ŝakkompanio kaj internacia ŝaka grandmajstro *Vlastimil Hort,* ĉirkaŭ sesdek ŝakistoj kun grandampleksaj bagaĵoj entrajniĝis vendrede la 14-an de oktobro 2011 en la fervojstacio *Praha hlavní nádraží* (Praga ĉefstacio) en netradician trajnon.

Ilia celo estis Vieno, Budapeŝto, Bratislavo kaj Krakovo, kaj ankaŭ ludgajni la unuan ŝakturniron en la mondo, okazinta en trafikanta trajno. La unika ŝaktrajno je la 10.30 horo tamen ne startis post svingo de la flago kun ŝaktabulo kiel verŝajne deĉus, sed post ordinara fajfsignalo kaj ekvetura signalo de trajnakompana personalo.

Ĉiu el naŭ pasaĝervagonoj en la trajno de Ĉeĥaj Fervojoj *ČD,* estis nomita laŭ mondfama ŝakludanto, ekzemple *Steinitz, Laser* aŭ *Aljechin*. Interese estas, ke en la trajno troviĝis ses salonvagonoj, en kiuj veturis por vojaĝaj kunvenoj ankaŭ ĉeĥa registaro. La vagonaro estis tirata de elektra lokomotivo 362.117 en koloroj de la Poŝta ŝparkaso.

Urboj, kien la speciala trajno trafikis, prezentas plejparte ŝakmetropolojn. Ekzemple en Krakovo en 1964 okazis studenta ŝakolimpiado, kaj Vieno estas fama pro ŝakkafejoj. En la trajno renkontiĝis ŝakludantoj el ok eŭropaj landoj – ŝakmajstroj, grandmajstroj eĉ amatoroj. Inter pasaĝeroj eĉ ne mankis infanoj, veturantaj ne nur kiel akompanantoj, sed ludantaj mem. La ŝakturniron partoprenis ekzemple naŭjara ĉeĥa ŝakludantino *Karin Němcová*.

En kvin pasaĝervagonoj estis lokitaj ludtabloj kun ŝaktabuloj. Ĉar la ludantoj esprimis deziron ne ludi kun magnetfiguroj, kaj la tradiciaj ne estis sekurigitaj kontraŭ falo, la rapido de la trajno estis limigita je 100 km/h, ke oni preventu eblan „akcidenton". Kvankam oni ludis tn. rapidŝakon, oni konsilis enregistri ŝakmovojn, se falo de ŝakfiguroj hazarde okazus. Dum la turniro tio tamen ne okazis, ŝakfiguroj ne falis.



Jam en la unua tago dum la vojaĝo al Vieno oni do ludis unuan ĝis trian ludseriojn, kaj en fervojstacio *Meidling* oni eltrajniĝis precize laŭ la horaro je la 17.02 horo. Ankaŭ la lokomotivestro de aŭstra *Taurus* respektis trankvilon kaj komforton de ŝakludantoj.

En Vieno ĉiuj kun admiro vizitis la urbon kaj haltis eĉ por gustumi tiom famkonatan *Sacher*-torton.

Duan tagon dum la veturo al Budapeŝto oni ludis kvaran kaj kvinan ludseriojn.




Ĉar la alveno al stacio *Budapest Nyugati* estis planita jam al 14-a horo, restis tempo por viziti en akompano de ĉarma trajn-akompanistino (en ĉeĥa lingvo karesnomata „*vlakuška*“ = trajnulino) faman banlokon *Széchenyi*, kiun ŝi laŭ propra sperto rekomendis.

„Estas bonege en oktobro varmigi sin en 38 gradojn varma mineralakvo en la mondfama banejo. Divenaĵo nur estis, ke el la akvo rigardis centoj da kapoj kaj trovi „niajn“ estis iomete problemo. Interesas, ke sen vestaĵoj ĉiuj homoj estas egalaj. Por venonto mi rekomendas ŝakan bankalsonon aŭ dronŝirmilon.“

Ankaŭ ĉi tie regis nigrablanka ŝaktabulo, kaj rekte post eliro el baseno okazis matĉo – hejmŝakistoj kontraŭ „trajnŝakistoj“. Interalie la budapeŝta stacidomo *Keleti* proponas al pasiaj ŝakludantoj eblon ludi rekte sur pasaĝerkajo kun lokaj ĉampionoj. Kiu malgajnas, pagu kafon.



En dimanĉa posttagmezo bonvenigis la ŝaktrajnon la slovaka ĉefurbo Bratislavo, kaj la ŝakludantoj havis plenumitajn pluajn ludseriojn de la turniro. Por refreŝiĝi, plimultaj uzis eblon promeni en la urbo.

La lasta haltejo estis la historia Krakovo, kie oni promenante vizitis ankaŭ famajn lokajn noktamuzejojn.

Marde, la 18-an de oktobro vespere la ŝaktrajno revenis al Praga ĉefstacio, kie en registara saloneto, same kiel la antaŭ ekveturo okazis solena ceremonio, nun kun celo premii tiujn plej bonajn. Premioj estis multaj, la venkinto *Richard Biolek* el Ĉeĥa respubliko, krome li ricevis originalan trofeon en aspekto de vitra lokomotivo.

La ideo aranĝi internacian ŝakturniron en trajno estis pli grava, ol ŝajnas. Ĝi estis penso pri kunligo de nacioj, ankaŭ amuzo kaj serioza ludo, kiu ŝakludo sendispute estas.

Gratulon meritas ne nur la iniciantoj, sed ankaŭ la organizantoj de tiu ĉi sukcesa aranĝo. Al la organizantoj kaj financaj subtenantoj apartenis *ČD*, Poŝta ŝparkaso kaj kompanioj *CZ LOKO* kaj *ERA*.

Ni esperu , ke naskiĝis nova tradicio kaj ne nur sporada kaj neripetebla travivaĵo.

**Jindřich Tomíšek**

# La 78-a Itala Kongreso de Esperanto

## 20 - 27.8.2011

Torino estis la unua ĉefurbo de Italio. Ĉi jare oni festis la 150-an jubileon de Italio. En la tuta lando flirtis hisitaj naciaj flagoj. Festantaj homamasoj kaj multaj turistoj venis por ĝui la eventon. Jam la kvaran fojon Torino gastigis la Italan E-Kongreson. Partoprenis ĝin pli ol 250 geesperantistoj el 30 landoj. Krom multaj eŭropanoj venis gesamideanoj el Indonezio, Brazilo, Madagaskaro, Israelo, Usono. Al la ĉeftemo "Kaj nun ni estu eŭropanoj" estis dediĉita unu el la du seminarioj. La Landa Kongresa Komitato preparis buntan kaj interesan semajnan programon kaj zorgis pri ĝia bona disvolviĝo. Tio efektive okazis. La solenan inaŭguron prezidis Renato Corsetti, bonvenigis nin la prezidanto de la torina Esperanto klubo, parolis skabenino de la urbo Torino. La senatano kaj urbestro de la venonta kongresurbo Mazara del Vallo invitis nin ĉeesti la 79-an Italan Kongreson okazonta en Sicilio. Tie oni intencas starigi Centron por Interkulturo kaj Esperanto. La ĉefan paroladon prezentis la prezidanto de UEA Probal Dasgupta.

La kongreso okazis en Villa Gualino, kie estas hotelĉambroj kaj pluraj konferencejoj. De la hotelĉambro ni havis belan panoramon al la urbo Torino bordita per Alpmontaro. Bedaŭrinde, la montoj estis vualitaj per nuboj ĝis la antaŭlasta tago. En la unua kongresa tago okazis rande de la urbo Verda Foiro simile kiel dum la UK-oj. Du seminarioj, fakaj kunvenoj, prelegoj, KER-ekzamenoj, E-kursoj kaj lecionoj de la itala lingvo, publikaj diskutoj, prezentadoj de diversaj libroj kaj pluraj ekskursoj konsistigis la semajnan programon. Prelego pri Komenio vekis intereson kaj ankaŭ tiu pri "Zamenhof profeto de Eŭropo" trovis siajn adeptojn malgraŭ malfrua noktohoro. Gejunuloj havis aldonan programon, infanoj lerte desegnis, modelis kaj poste instalis malgrandan ekspozicion.




*En la inaŭguro*



*Kultura programo*

Riĉenhavaj estis ĉiuj vesperaj programeroj. Kantis la kataluna muzikgrupo “Kaj Tiel Plu”, la litova familia bando Asorti, la itala profesia grupo Reverie, duopo Nane kaj Ankie el Nederlando, la sveda gitaristo kaj kantisto Martin Wiese kaj la itala romantikulo Manuel Rovere, kiu ankaŭ prizorgis ĉiujn artistojn provizante ilin per sia aparataro. Dum la Internacia vespero prezentiĝis artistoj el niaj vicoj kantante, recitante poemojn, ludante violonon, pianon, kaj aliajn nekutimajn instrumentojn. Trupo de polaj junulinoj prezentis modernajn danckreaĵojn. Ĉio-ĉi estis interesa kaj bunta spektaklo. Al la kulturaj programeroj apartenis ankaŭ prezento de du teatraĵoj. Unu originale verkita de Mikaelo Bronŝtejn “Dek tagoj de kapitano Postnikov” estis adaptita kaj prezentita de Saŝa Filipoviĉ kun aliaj du aktoroj. La dua (tradukita) teatraĵo temis pri “Roma Triptiko”. Ĝi impresis iom mistere. Oni prezentis ankaŭ la filmon de Roman Dobrzinsky “Japana printempo”, kiu gajnis la unuan premion en Belartaj Konkursoj. Ne malpli plaĉa estis la filmo pri Odeso kaj bildoj pri odesaj katakomboj, kiujn prezentis Tatjana Auderskaja el Ukrainio. Interesaj estis bildoj kaj libro pri Bona Espero en Brazilo, prezentita de la italbrazila paro Giuseppe kaj Ursula Grattapaglia.

Pri la evento interesiĝis ankaŭ politikistoj (kun favora sinteno al Esperanto), ĵurnalistoj, televido kaj aperis kelkaj artikoloj en la loka gazeto. En TTT-paĝoj estis aperigitaj freŝaj novaĵoj. Por la kongreso estis pretigitaj du specialaj bildkartoj, kiujn oni povis stampigi per poŝta memorstampo.

Estis organizitaj kvar duontagaj ekskursoj. Oni konatiĝis kun la urbo Torino, ĝiaj muzeoj, palacoj, katedralo, botanika ĝardeno, mezepoka urbo kaj ĝia fortikaĵo, religiaj objektoj kaj simboloj de la urbo kaj vespere estis organizita vizito al astronomia observejo.

Dum la tuttagaj ekskursoj oni vizitis la urbon Verĉeli kaj apudajn kastelojn, la turisman urbon Stressa kaj la lagon Maggiore (en kiu oni vizitis tri belegajn insulojn), la valon de Susa en okcidentaj Alpoj, kie troviĝas imponaj fortikaĵoj kaj bela abatejo de Sankta Mikaelo.

Dum la ĉi-jara Itala Kongreso estis elektita nova estraro de la asocio. Ĉe la fino de la kongreso la sekretariino Laura Brazzabeni dankis ĉiujn ĉeestantojn pro ilia partopreno kaj fermis la kongreson. Venontjare oni atendas ankoraŭ pli da partoprenantoj en la bela varma Sicilio. Surloke jam aliĝis pli ol 50 gesamideanoj. Aliĝu ankaŭ vi kaj ĝuu la varman etoson en Sicilio!

**Liba Gabalda**

# EL FERVOJA MONDO

*Aŭstrio:* **Tri miliardoj por aranĝi aŭstrajn staciojn**

La aŭstra projekto *Bahnhofsoffensive* daŭras, celanta renovigi frekventitajn fervojstaciojn, En 2011 malfermiĝis la stacioj *Kitzbühel, BahnhofCity Wien Westbahnhof* kaj haltejo *Blumental* en Vieno. En la venontaj jaroj oni en 100 staciojn kaj haltejojn investos ĉirkaŭ 3 miliardojn da eŭroj. Nun okazas aranĝoj en stacioj *Salzburg HBf* (254,5 milionoj da eŭroj, limdato 2014), kaj *Graz HBf* (167,5 milionoj da eŭroj, limdato 2016). La plej granda projekto estas konstruado de viena ĉefstacio por preskaŭ miliardo da eŭroj.

*Ĉeĥio:* **Risortoj por lokomotivoj en Korea Respubliko**

La kompanio *Hanácké železárny a pérovny* (Hanakaj fervojaj produktejoj kaj risortejoj), apartenanta al grupo *Moravia Steel*, ricevis prestiĝan mendon en azia merkato. La firmao en urbo *Prostějov* liveros por sudkoreaj fervojoj en du jaroj lokomotivajn ŝraŭbrisortojn en valoro de kelkaj dekmilionoj da ĉeĥaj kronoj. Por Hanakaj fervojaj produktejoj kaj risortejoj temas pri unu el la plej prestiĝaj mendoj en la sfero de lokomotivproduktado. Por sudkorea kompanio *Hyundai Rotem Company* la firmao komencis liveri speciale prilaboritajn risortojn kun altnivelaj pretendoj pri precizeco. Hanakaj fervojaj produktejoj kaj risortejoj nuntempe traktas pri plua kontrakto por tiu ĉi kompanio. Denove temas pri liverado de produktoj por lokomotivoj por fina kliento en Turkio. Preskaŭ tuta produktado de la entrepreno estas destinata por eksporto, ĉiam pli multaj fabrikaĵoj sin direktas ekster Eŭropo.

*Francio:* **Rekorda trajnnombro en Eŭrotunelo**

En semajnfino, la 23-an kaj 24-an de julio 2011 tra tunelo sub kanalo Maniko inter Francio kaj Britio estis transportata rekorda nombro de veturiloj ekde la malfermo de la tunelo por trafiko en la jaro 1994. Dum la semajnfino traveturis la tunelon 987 trajnoj: 164 trajnoj *Eurostar*, 362 trajnoj por transporto de kamionoj, 29 vartrajnoj, la restantaj estis trajnoj por transporto de aŭtomobiloj. Alivorte – unu trajno trafikis meznivele en intervalo 3,5 minutoj. La kapacito de la tunelo tamen ne estis tute plenigita, ĉar ĝi estis uzita nur je 70 procentoj.

*Germanio:* **Ŝtalfabrikisto suspektata pri kartelo**

Germana Federacia kartelofico serĉesploras entreprenon de aŭstra kompanio *Voestalpine*, kiu estas suspektata pro kontraktita prezkartelo kun aliaj fabrikistoj de fervojaj komponantoj. *Voestalpine* estas elstara eŭropa fabrikisto de ŝtalo por produktado de reloj. La entrepreno troviĝas en centra Germanio, en urbo *Butzbach*, kaj ĝi produktas fervojajn ŝaltilojn kaj aliajn komponantojn. La kartelofico jam en majo 2011 faris serĉesploradon en filia kompanio *Voestalpine TSTG Schlenen Technik & CO KG* en urbo *Duisburg*.

*Hispanio:* **Kiel plibonigi evakuadvojojn el stacioj**

Hispana kompanio *Ferrocarrils de la Generalitat de Cataluna*, ekspluatanta kiel fervojan trafikon, tiel metroon en Barcelono, kunlaboros kun londona metroo pri studaĵo por plibonigi evakuadan sistemon en fervojaj stacioj. La studaĵo estas organizata de EU, kiu ĝin ankaŭ financos. La tasko de la projekto estas prilabori studaĵon pri plibonigo de evakuadvojoj super kaj sub tersurfaco. Laŭ la plej novaj sciaĵoj la nuntempa statika signalsistemo estas tielnome nevidebla ĝis por 60 procentoj da homoj.

*Hungario:* **Mendo por livero de regsistemoj**

Hungara kompanio *NIF*, kiu zorgas pri evoluigo de infrastrukturo, elektis *Siemens* kiel liveranton de trafikaj regsistemoj. La valoro de la mendo estas 53 milionoj da eŭroj. La planita enkonduko de la sistemoj *ETCS* de 2-a nivelo sur 65 km-jn longa linioparto inter *Budapest-Kelenföld* kaj *Székesfehérvar* estu plenumita ĝis la jaro 2013. La fervoja linio estas parto de la transeŭropa koridoro, kunliganta Italion, Slovenion, Kroation, Hungarion kaj Ukrajnon. Hungario por ĝia enkonduko ricevis de EU 1,8 miliardojn da eŭro.

Prilaboris **Jindřich Tomíšek**

# HONORIGITOJ

*Laŭ la preskribo de la Ĝenerala Regularo de IFEF (§ 26), ni publikigas la liston pri la vivantaj honoraj prezidantoj kaj membroj de IFEF, pri honoraj membroj de FISAIC, pri honorigitoj per speciala FISAIC-medalo kaj pri Honora Patrona Komitato de IFEF.*

**Honoraj Prezidantoj de IFEF**

| | | |
|---|---|---|
| Engen, Per | Norvegio | 1998 |
| Dr Bolognesi, Romano | Italio | 2009 |

**Honoraj Membroj de IFEF**

| | | |
|---|---|---|
| Kruse, Elfriede | Germanio | 1980 |
| Engen, Per | Norvegio | 1988 |
| Olsen, E. Henning | Danio | 1995 |
| Barnickel, Wilhelm | Germanio | 1996 |
| De Sutter, Lucien | Belgio | 1997 |
| Rösemann, Otto | Germanio | 1999 |
| Patay, János | Hungario | 2000 |
| Glättli, Ernst | Svisio | 2001 |
| Hartig, Heinz-Dieter | Germanio | 2001 |
| Eggenberger, Gertrud | Svisio | 2004 |
| Schindler, Heinz | Germanio | 2005 |
| Robiolle, Pierre | Francio | 2007 |
| Stuppnig, Martin | Aŭstrio | 2008 |
| Gulyás, István | Hungario | 2009 |
| Dr Hoffmann, Heinz | Germanio | 2010 |
| Brletič, Marica | Kroatio | 2010 |
| Ripoche, Jean | Francio | 2010 |

**Honoraj Membroj de FISAIC**

| | | |
|---|---|---|
| De Sutter, Lucien | Belgio | 1998 |
| Ph Dr Abelovska, Anna | Ĉeĥio | 2007 |

**Honorigitoj per speciala FISAIC-medalo**

| | | |
|---|---|---|
| Geroldinger, Johann | Aŭstrio | 1967 |
| Blaauw, Thies | Aŭstrio | 1967 |
| Hunkeler, Hans | Svisio | 1967 |
| Kruse, Elfriede | Germanio | 1975 |
| Hartig, Heinz-Dieter | Germanio | 1988 |
| Robiolle, Pierre | Francio | 1994 |
| Engen, Per | Norvegio | 1998 |
| Huber, Walter | Aŭstrio | 2010 |

**Honora Patrona Komitato de IFEF**

| | | |
|---|---|---|
| Ceci, Pasquale | Italio | 1970 |
| Dr Boulton, Majorie | Britio | 1977 |
| Rodak, Aleksander | Pollando | 1987 |
| Vojtech, Zelenka | Ĉeĥio | 2003 |

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**62-a eldonjaro**

Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto -Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica_todor@yahoo.com"

**Vicprezidanto:** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@dbmail.com"

**Sekretario:** Vito Tornillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitorni@virgilio.it"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
„laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktora komisiono:**
**Gvidanto:** István Gulyás
Rákos út 98. I/9
HU-1155 Budapest
„istvan.gulyas@hdsnet.hu"
**Membroj:** J. Cziboly, J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo**:
Menetjegynyomda Kft
Szent László tér 20
HU-1102 Budapest
**„www.ifef.net"**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„kovar.lad@email.cz"



# Jiří Pištora

## (1931 – 2011)

Post longa malsano la 12-an de novembro 2011 en Česká Třebová mortis Jiří Pištora, aktiva kaj meritplena esperantisto.

Li naskiĝis la 7-an de marto 1931 en Dobruška, Ĉehio. Li lernis la fakon de la maŝina mekanikisto, poste li studis en la fervojista teknika lernejo kaj laboris kiel memstara esploristo en la fako de la fervoja riparado. Ekde 1985 li fariĝis oficisto kaj fine direktoro de la Urba Muzeo en Česká Třebová ĝis 2003.

Li lernis Esperanton en 1947 en Nymburk. En 1960 li iniciatis fondon de la Esperanto–rondeto „Amikeco" en Česká Třebová kune kun Jindřich Štancl kaj František Jindra. En la rondeto li fervore kaj sindoneme laboris senĉese ekde la jaro 1960, kelkajn jarojn kiel prezidanto. Li dufoje faris prelegvojaĝon kaj rondiradon tra Bretonio.

Li estis unu el la kunfondintoj de la Tutŝtata Fervojista Esperanta Landa Asocio en la jaro 1965, kiu estis akceptita al IFEF la 26-an de majo 1965 dum la 17-a kongreso de IFEF en Hamar. Ses jarojn li funkciis kiel komitatano de IFEF.

En la jaro 1993 li fondis Esperantan sekcion en la Urba Muzeo de Česká Třebová, kaj laŭ lia propono la Ĉeha Esperanto-Asocio ĉi tien deponis la Esperanto-bibliotekon el Prago. La biblioteko fariĝis bazo de la Esperanto-kolekto, kiu poste riĉiĝis per multaj materialoj.

Li verkis kaj aperigis kelkajn artikolojn, ekzemple en la organo Starto de ĈEA.

Per la morto de Jiří Pištora ĈeFEA perdas sian tre aktivan kaj meritplenan membron. Li restu por ĉiam en nia memoro.

**ĈeFEA**

La edzino de Jiří Pištora petis aperigi en IF la sekvajn dankvortojn:

*„Mi sincere dankas al ĉiuj, kiuj esprimis al mi, kaj al mia familio malĝojon okaze de forpaso de mia edzo Jiří Pištora. Mi tre estimas vian sindetenon kaj simpatiojn kun Jiři.*

*Anna Pištorová"*